# MORITURI VOS SALUTANT

ARMENA RAKONTO DE

V. PAPAZJAN




TRADUKIS

GEORGO DAVIDOV



Vermerken!

Universala Esperanta-Biblioteko
armena serio I.
1907

BUDAPEST'
ALEKSANDRO NAGY ESPERANTA PRESEJO
IV., PAPNÖVELDE-UTCZA 8.

## ENHAVO.





# Antaŭparolo.

Per tiu ĉi kajereto komencas la „Universala Esperanta Biblioteko sian armenan serion. La estimata leganto ricevas interesigan rakonton el la historio de la mondfama buĉado, kiu okazis en Armenujo. Papazjan la konata armena verkisto rakontas al ni en formo de leteroj la teruran, sangan okazintaĵon. La formo de la verko tre konvenas al la enhavo. La rapsodimaniera rakonto, kvazaŭ antaŭ niaĵ okuluj ludigas ĉi tiun historian dramon de la armena popolo. La tradukinto Georgo Davidov bone plenumis sian rolon kaj faris per tiu ĉi traduko grandan servon al la esperanta literaturo. Ni povas ankoraŭ de li multon atendi. Baldaŭ sekvos tiun ĉi armenan ekkajeron aliaj kaj la serioj de ĉerkesaj kaj gruzaj literaturaĵoj.

Tiamaniere ni ebligas per Esperanto al esperantistoĵ la ĝuon de tiaj literaturaĵoj; kiuj sen Esperanto estus al la plej granda parto de homaro kovritaj.

Tiu ĉi kajereto ankoraû celas plifoɪtigi la propagandon inter la armenaj samideanoj. Mi varme rekomendas tiun ĉi libreton kaj ĝin dediĉas al la tria

kongreso

**A. Marich**
redaktoro.

*

## Morituri Vos Salutant.

de armena verkisto **V. Papazjan.**

I-a letero.

En maldanĝereco loĝanta Amiko!

. . . . Tri tagoj ankoraŭ ne pasos, kaj ĉe ni, kiel en ĉiuj anguloj de nia belega lando, la tero ruĝiĝos per sango. La stratoj kovriĝos per niaj kadavroj, kaj belega ĉielo de nia kara hejmlando nigriĝos de amaso da korvoj, kaj aero pleniĝos je iliaj malbonpredikaj krioj.

Ĉie Vi ekvidos amason da ruinoj, en domoj knabinojn malvirgigitajn, patrinojn ĵetigitajn al piedoj, kun disbatitaj kapoj de senkulpaj infanoj, kaj ĉie, ĉirkaŭe de Vi estos tomboj, tomboj . . . . . Mi kaj ĉiuj Viaj parencoj kaj konatuloj pereos.

Ní salutas Vin, frato loĝanta en alilando! Eble, Vi ankoraŭ longdaŭre vivos, kaj kiam vi reveturos hejmlandon, vizitos niajn tombojn kaj sur tiuj Vi kantos korŝirigan kanton pri malfeliĉo de l' hejmlando . . .

Jes! Ni plu ne havas esperon por saviĝo. Ne! Ĉiu diras pri tio, ke nin oni tute disbatos... Kun kia indiferenteco mi skribas ĉi tiujn liniojn!... Eble, Vi mem tiel do tralegos ankoraŭ fojon la konatan priskribon pri tiu ĉi fama buĉado...

.... Kvar tagoj, kiel komenciĝis.... kiam estos la buĉado — mi ne scias: eble hodiaŭ, eble post horo, post unu minuto! Jam dum kelkaj tagoj, kiaj famoj pri najbaraj ruinigoj tenas niajn nervojn en streĉado, kaj sufiĉas unu fajrero por ekflamigi la brulaĵon.

Vi ne povas eĉ imagi, kian panikon vekis en la bazaro la famo, ke unu tataro per kvin da batoj de ponardo ekfaligis la komerciston Valian'o. Kiel ventego la famo trairis bazaron. Bruado, tumulto, kurado!... la vendejoj fermiĝis kun bruego. Multaj, perdinte la kuraĝon, forlasadis ĉion; vendejojn, ĉapojn, botojn kaj kuradis hejmen.

.... Eĉ minuto ne pasis, kiam la bazaro tute malpleniĝis, kaj tra la stratoj kuris popolamaso.

Famoj, unu pli terura ol la alia, atingadis nin. Ne nur sole Valian'o estis mortigita, sed ankaŭ multaj aliaj armenoj, aroj da tataroj staras en la anguloj de stratoj kaj mortigadas ĉiujn.

Ni ĉiuj kunvenis en preĝeja korto — tiu ĉi estas la plej sendanĝera loko. La popolo plenigis altaron monaĥan kaj lernejajn ĉambrojn.

Virinoj, infanoj, maljunuloj — krioj kaj ploregoj. Unu serĉas edzinon, alia infanon, fraton.... Unu,

videbla fraŭlino, forgesinte hontemecon, kuradas en korto kaj en ĉambroj, serĉadas sian karegulon.

— „Valian! Valian!“ kriegas ŝi per korŝiranta voĉo. „Mia koro premiĝas: ĉu ne ṭie do estas mortigita Valiano, kiun mi serĉas?“

Unu virino sidanta en angulo respondis.

— „Por kiu vi ploras fraulino? Valian'on ja oni mortigis!“

Eble li estas nur samnomulo, sed el la brusto de fraŭlino fariĝis terura ĝemo kaj ŝi falis teren.

Neniu atentis ŝin, ĉu ne estas egala?

Pli bone estas morti pli frue, ol morti de l'manoj de tataroj.

Tie, *enrampiĝinte* angulon sidis patrino kun infano. Plorego! Maljunulinoj batante siajn brustojn preĝadas.

Oni diris, ke buĉado komenciĝis. Iafoje aŭdiĝas surdaj kaj oftaj pafoj.

En la preĝejon eniris juna homo. Ĉiuj ĉirkaŭis lin. Li rakontis, kiel soldatoj de patrolo mortigis Volian'on. La tataron-mortiginton tuj oni forkondukis palacon kaj tie oni rakontis, ke apenaŭ sukcesis ĉi tiun musulmanon, eltiri el manoj de kristanoj.

Poste oni atakis bazaron.

Ni 300—400 da homoj pasigis la tutan nokton en preĝejo sen nutraĵo kaj vestaĵo; apenaŭ ni estis vivaj de l'timo, preskaŭ senbatalilaj kaj nur matenfrue ni eksciis, ke bazaro estas tute ruinigita.

Neniu parolis. Fariĝis tomba silento.

Multaj komencis plori kaj ĝemi, kiel brutaro disigita de l'ventego, ili kolektiĝis arete, alpremiĝinte unu al alia, unuj kuŝiĝis sur tero, aliaj sencele paŝadante kun konfuzaj rigardoj — virinoj, infanoj, maljunulinoj.

---

## II-a letero.

Posttagmeze. Al multaj sukcesis trapasi al iliaj domoj kaj preni panon kaj varman vestaĵon.

En la urbo, peza kaj turmentiga sileutado. La stratoj estas senhomaj. Multaj sin kaŝis en kelojn subterajn,

Aliaj esperas, ke pasis la danĝereco, la ventego. Sed profunda silento pli fortigas maltrakviilecon. La silentado estis minacpromesa. Tio estis momento, post kiu sekvas detruiga riverego, ventego: momento, post kiu el nubego surdiga tondras kaj fulmo disŝiras per fajraj linioj la ĉielon. Tia estas la momento, post kiu la fajro flamiĝas kaj minacas, mortante kun lasta krio ekdormiĝas eterne, kaj efektive, surda bruado atingis nin kiel ondo. Tio estis kriego de milnombra amaso da homoj, ĝi portiĝis tra la stratoj, skuante ĉion .... tremadis de ĝi la tero. Ĝi estis kiel vulpa kriego, kaj ĝi proksimiĝadis, pli fortiĝadis. Aŭdigis tambura sonado, post ĝi la batoj de hakiloj, senesperegaj ĝemoj de batitaj kaj triumfaj jam raŭkintaj krioj de ruiniguloj.

Ili iras!... Ĉiuj silentiĝis. Ĉesis ĝemoj kaj ploregoj ....

Poste? Ĉiuj eksaltis kun strečitaj nervoj, kaj haltigintaj rigardoj. Poste terura, tumulto.

— Ili iras:... Eksonis la voĉo de juna homo, — ni ne permesu al ili buĉadi nin, kiel ŝafojn!

— Ni mortu kun honoro — ekkrias alia.

— Batalilojn!

— Ni faru elpenetraĵon!

Plie ne estas ebla kompreni ion.

Eliris la unua parolanto. Sekvante lin, ĉiuj kolektiĝis en korto ĉirkaŭ li, trarigardis siajn batalilojn, dissemiĝis grupe kaj eliris el korto.

Al ni alvenis novaj homoj kaj feliĉe ili estis kun bataliloj.




Jen montriĝis la amaso da sovaĝuloj.

En la popolamaso estas vidataj soldatoj. Kurdoj [1]) kaj tataroj estis armitaj per ĉiaj eblaj bataliloj, kriadas.

Virinoj kun tamburoj dancadas, kaj kun sovaĝaj krioj ekscitas virojn.

Estis terure rigardi tion ĉi. Neniam mi povis prezenti al mi tian disfuriozigitan kaj sovaĝan amason.

Ili kun sovaĝkriego proksimiĝis, mortigante ĉiujn renkontantajn; disbatadis pordojn per hakiloj, eniradis, rabis, detruigadis, lasante post si amason da ruinigitaĵo.

[1]) Kurdoj estas la plej sovaĝaj gentoj turkaj, kiuj loĝas precipe en Malgrandarmenujo.

Ili iradis, kiel nubo da akridoj, detruante ĉion apud si.

Sed niaj kugloj haltigis ilin.

Ni faris pafaron: soldatoj ekprovis kolektiĝi kaj respondi kontraŭ niaj pafadoj, sed tuj do ili miksiĝis.

Venka kriego silentiĝis, eksonis krioj. Tamburoj eksilentis, virinoj diskuris; popolamaso kun sovaĝa kriego en tumulto disŝutiĝis en diversajn flankojn . . .

Jes, mia amiko, ni dissemis dekmilamason da homoj, kiu deziregas nian sangon, nian havaĵon kaj honoron.

Ni dissemis ilin per nia ne multnombra batalilaro.

Ho, se ni havus multe da bataliloj ! . . .

Kuraĝaj kolegoj ! Kiel kuraĝe kaj sindone ili pafadis sovaĝulojn, dissemante ilin. Kaj mi pafadis, pafadis sen maltrafo.

Sed kion ni povas fari kun nia malforta batalilaro kaj kun mizeraj provizoj da kugloj kaj pulvoj ! . . .

Ja nia kontraŭbatalo pli furiozigos ilin.

Eĉ ne pasos tago, eble post unu horo, kiam ili revenos kun novaj bataliloj, aliros militistaro kun pafilegoj kaj ĉiujn nin mortigos.

Mi ne scias ĝis kiom da horoj ankoraŭ mi vivos!...

---

3-a letero.

Mi ankaŭ estas viva.

Ĉu vi havis, amiko mia, iam la okazon, travivi minuton kiam apud viaj okuloj brulas ruinoj, ruĝigitaj per sangoj, kiam vi estas ĉirkaŭita per kadavroj de parencoj kaj amikoj, kaj ĉirkaŭe virinaro plenigas la aeron per ploregoj de l'teruro. Ĉu vi vidis iam virojn plorantajn kaj ekfreneziĝintajn.

Ĉu vi havis la okazon travivi similajn minutojn, kiam ĉirkaŭ vi staras areto da palaj junaj homoj plenaj de decideco kaj oferi siajn vivojn. De ĉiuj flankoj fajfas malamikaj kugloj, ĉirkaŭe estas surdiga bruo kaj kriego. En unua momento mi perdis mian kuraĝon kaj pafadis tute ne celante, nenion vidante, aŭdante kaj komprenante: mi vidis, kiel unu post alia faladis miaj amikoj kaj fratoj, kiel ili vunditaj konvulsiĝis, faladis ankaŭ en la malamikaj vicoj. Sed baldaŭ mi konsciiĝis.

— Kolegoj ne malkuraĝu! aŭdis mi tondran voĉon de nia estro. — Pafadu kaj sin ne doniĝu pafado daŭriĝadas, la fajro fortiĝas, du fumo momente kaŝas ĉion, sed la vento forportas ĝin, ree mi vidas surmeriĝantajn vicojn de soldatoj. . . Jes soldatoj staras vice apud ni, ŝarĝas pafilojn, almetiĝas. Eksonas pafado, niaj pordoj kun bruego disrompi-

ĝas, kaj en aliaj lokoj montriĝas nigraj truoj..... aŭdiĝas la krioj, la ĝemoj.

Ĝis kiom da tempo tio daŭriĝadas, mi ne scias.

Jen soldatoj haltiĝas.

Sed post ili soniĝas kriegoj. . . Tio estas furiozigita amaso da tataroj, elkurintaj el detruígitaj domoj. Ili tenas manĝaĵojn, vestaĵojn, tapiŝojn, littukojn. . .

Kvazaŭ en nebulo mi vidas, kiel kurdoj trenas knabojn kaj virinojn sveniĝintajn kun dismetitaj haroj, grizajn maljunulojn, kiujn kurdoj trenas sur la tero, kaj junulojn eltiras siajn manetojn kun krioj.

— Panjo! Panjo!

Pafado ĉesiĝis. Sed malamiko alproksimiĝis, trenante apud si duonmortitajn virinojn. niajn parencojn kaj infanojn, metante ilin kontraŭ niaj pafadoj.

Ho malhonestuloj! Ili devigas nin pafadi en niajn proprajn malfeliĉajn infanojn, fratinojn kaj la pafiloj elfalas el manoj, la manoj malleviĝas. Sed jen antaŭ ni aperis potenca figuro de nia estro. Li estas pala, kaj krias per tondra voĉo.

— Kolegoj, kial vi staras? Ja se ili restas vivaj, diablo scias, kion povas fari kun ni tiuj ĉi bestoj. Antŭaen! . . . Pafadu! . . . Pli bone estas se ili mortos kun honesteco.

Kaj li levante sian pafilon, li unua ekpafis. . . . la maljunulino en kiun trafis la kuglo, svingis per manoj, rigardis mortiginton kaj falis . . . tiu estis lia patrino . . .

La bestoj silentiĝis, ili instinkte eksentis, ke filo mortigis sian patrinon. Tia terura mortigado devigis ilin eĉ ektremiĝi, kaj en timo ili komencis foriri, sed ne longe daŭris tio.

Ĉu multaj estas inter ili tiaj? pensis ili.

Sed ili eraris. Ĉiuj ni levis pafilojn. Maljuna patrino, kuŝante en polvo, estis mia ŝtandardo.

— Pafu! . . . tondris la voĉo de l' estro — mi ja mortigis mian patrinon . . . pafadu, ĉiuj ekmortu.

Li estis pala kiel morto.

Kaj en tiu sama momento mi ekvidis virinon en la manoj de kurdo.

Tiu ĉi estis mia edzino!

Mi surcelis, fermis okulojn kaj . . . ekpafis.

Malferminte la okulojn, mi ekvidis: edzino mia, amata edzino mia, kuŝas, kaj apud ŝi — kuŝas kurdo.

Mi min ĵetis al edzino, prenis ŝin kaj levante ŝin, mi reiris.

Neniu tuŝis min.

Ŝi estis malviva: la kuglo trabatis ŝian kapon, kaj la okuloj plenaj de teruro, rigardis min . . . .

Mi zorge kuŝigis ŝin apud mia maljunulino — patrino.

— Tiu ĉi estas patrino, via bofilino, mi ŝin mortigis . . . . kaj denove aliĝis al miaj kolegoj.

Interpafado daŭriĝis. Baldaŭ komencos manobatalo . . . . Restos iu el ni viva?

Adiaŭ, en maldanĝereco legantaj amikoj! . . .

Mortantaj salutas Vin! . . .

Esperantigis **Georg' Davidov.**

# Esperantaj gazetoj:

| | Frank. |
|---|---|
| **Lingvo Internacia sen eldono** | 5.— |
| **Kun eldono** | 7.50 |
| Paris Ve 33 Rue Lacépède, 33. | |
| **Germana Esperantisto** | 4.— |
| Berlin S. Prinzenstrasse 95. | |
| **The Britisch Esperantist** | 2.— |
| London, Norfolk-street 14 Strand. | |
| **Ruslana Esperantisto** | 8.— |
| Peterburgo, Bol. Bodjaĉeskaja, 24. Soc. Espero | |
| **Espero Katolika** | 5.— |
| Tours (France) 72 Rue des Halles. | |
| **Esperanto** (duonmonata) | 3.— |
| Hector Hodler 8, Rue Bovy-Lysberg, Genèv. | |
| **Espero Pacifista** | 5.— |
| Gaston Moch, 26 rue de Chartres, Nenilly s/.S. | |
| **Tra la Mondo** | 8.— |
| Administrejo en Meudon (S. et O. France) 15 Boulevard des deux Gares. | |
| **La Belga Sonorilo** | 4.— |
| Redaktoro-administranto I. Coox, en Duffel (Belgujo). | |
| **Unua Paŝo** | 3.— |
| Red. Sofia, str. San Stefano 26. | |
| **Internacia Revuo Medecina** | 7.— |
| Red. Paris Ve 33, rue Lacépède. | |
| **Suno Hispana** | 3.— |
| **Juna Esperantisto** | 2.50 |
| Red. Paris Ve 33, rue Lacépède. | |
| **L'Esperantiste** | 3.50 |
| Red. Louviers (Eure) Rue du Gril. | |
| **Idealo** | 3.— |
| Dro Vitangelo Nalli, en Palermo 494 Corso Catalafimi. | |

# Esperantaj gazetoj:

Frank.

**La Revuo** . . . . . . . . . . . . . . . 6.—
Hachette kaj Ko, Paris, Boul. Sain-Germain 79.

**Antaŭen Esperantistoj** . . . . . . . . . 3.—
Red. Dro Fr. Villareal, Lima. Poŝtfako 927.

**Centraamerika Esperantisto** . . , . . . . 3.—
Red. Ricardo G. Alrill, Antigua Guatemala, C. A.

**La Pioniro** (Journale Esperanta India) . . 3.—
K. G. F Esperanta Klubo en Marikuppam, Mysore State South India

**Juventut** . . . . . . . . . . unu No 0.20
Katalana, Organo Redakcio Barcelona Plaça del Teatre, 6, entresol.

**Foto-Revuo** Internacia . . . . . . . . . 5.—
So Charles Mendel, Paris, 118. Rue d'Assas.

**Pola Esperantisto** . . . . . . . unu No 0.20
So St. Lazica, Leopolo (Lemberg).

**L'Amerika Esperantisto** . . . . . . . . 5 —
Oklahoma City U. S. A.

**Ĉasopis Ĉeskich Esperantistu** . . . . . . 4 —
So Ed. Kühnl, Praha II. 313. Karlovo namesti.

**Svisa Espero** . . . . . . . . . . . . . 3.—
Redakcio Géneve 8. St-Léger.

**Esperanto (Bulgara)** . . . . . . . . . . 3.—
N. B. Kovaĉev, Sofia.

**The American Esper. Ĵournal** . . . . . . 5.—
Boulevard Station Boston, Mass.

**Japana Esperantisto** . . . . . . . . . 4.—

**Internacia Socia Revuo** . . . . . . . . 6.—
Paris III e. 35 rue de Saintonge.

**Eksport-Jurnalo** . . . . . . . . . . . 5.—
Esperanto Verlags Gesellschaft m. b. H. Frankfurt a/M.